

# Boletín

*Nº 363 novembro/decembro 2003*

Fernando de Diego

**Gran Diccionario**

**Español-Esperanto**

Dankon Fernando!

COORDINADOR - KUNORDIGIS
**Antonio Valén Fernández**

EQUIPO DE REVISIÓN - REVIZIIS
**Hèctor Alòs i Font • Jorge Camacho Cordón**
**Miguel Fernández Martín • Miguel Gutiérrez Adúriz**

**mga**

*Asociación de utilidad pública*

DERACIÓN
PAÑOLA
ESPERANTO
A ESPERANTO-FEDERACIO

# Boletín

**BULTENO DE HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO**
**Aperanta de 1949**

Redaktisto: Miguel Gutiérrez Adúriz; Los Coteros 1-C, 2-I; ES-39600 Muriedas; Cantabria; bulteno@esperanto-es.net

*Noto: Pri la enhavo de la artikoloj respondecas nur la respektivaj aŭtoroj. La redaktisto rajtas libere rifuzi ne petitajn artikolojn.*

## Hispana Esperanto-Federacio

**Rodríguez San Pedro 13, 3º, 7;**
**ES-28015 Madrid;**
**Tel.+faksilo: +34.(9)1.446.80.79**
**Konto ĉe BBVA :**
**0182-1252-31-0204011961**
**Admin@esperanto-es.net**
**www.esperanto-es.net**



## Enhavo



**Kontonumero de HEF ĉe BBVA:**

**0182-1252-31-0204011961**

# 100 jaroj da organizita E-movado en Hispanio

# 1903-2003

La 1an de februaro 1903 naskiĝis en Murcio la Hispana Societo por Propagando de Esperanto. La hispanaj esperantistoj sekvis la ekzemplon de la francaj samideanoj, kiuj starigis similan asocion kvin jarojn antaŭe. Tiam, en Hispanio la esperantistaro kreis lokajn asociojn kaj samtempe oni fondis tutnacian E-organizon. Ricardo Codorníu estis la unua prezidanto, oni elektis lin ĉar li estis unu el la plej altavaloraj kaj idealismaj hispanaj esperantistoj, kaj ankaŭ ĉar li estis unu el tiuj tri personoj kiuj ricevis en Hispanio la unuan broŝuron eldonitan de L. Zamenhof mem. Tiu unua societo eldonis kiel oficialan gazeton "La Suno Hispana"-n. La HSPPE aprobis en siaj statutoj kuriozan artikolon, laŭ ĝi la Estraro kaj la sidejo devus esti en la urbo kie pli granda nombro da samideanaro ekzistus. Tiel, la Societo estis vojaĝema, ĉar ĝi sidejis en Murcio, Valencio, Burgos, Madrido, Sevilo... En la jaro 1916 la Societo travivis gravan krizon. Ekstere, la unua mondmilito silentigis la internacian lingvon kaj la E-movado en la neŭtralaj ŝtatoj, Hispanio inter ili, vivis izolite. Interne, la naskiĝo aŭ la projektoj de kreado de regionaj asocioj kaŭzis, ke la strukturo de la nacia asocio estu rekonsiderata. Tial, en la jaro 1916, malfondiĝis en Sevilo la Hispana Societo por Propagando de Esperanto.

Unu jaron antaŭe, en 1915, la Baska Esperanto-Federacio jam proponis la fondiĝon de Hispana Esperantista Konfederacio. En ĉi tiuj jaroj jam ekzistis asocioj en Katalunio, Baskio, Andaluzio, Kanario, Valencio, Aragono kaj Murcio. Iom post iom la ideo de hispana, aŭ eĉ iberia, konfederacio de E-asocio fortiĝis. Okazis en tiuj jaroj diversaj renkontiĝoj por difini la strukturon de tiu konfederacio, kaj la integriĝon de la landaj asocioj ekzistantaj en Hispanio en tiun tutnacian konfederacion. Sed en la jaro 1924 la Kataluna Esperanto Federacio rifuzis definitive la ideon aparteni al tiu kreota Hispana Esperantista Konfederacio, kaj sen la aliĝo de la plej grava E-asocio ekzistanta en Hispanio la fondiĝo de Konfederacio estus senutila.

En la jaro 1925, okaze de la Hispana Kongreso de Esperanto en Kordovo, la ĉeestantoj aprobis la proponon fondi la Hispanan Esperantistan Asocion. Oni

komisiis al kordova arkitekto Francisco Azorín la redaktadon de la statutoj de la nova asocio. Li prezentis sian laboron en la Hispana Kongreso en Madrido, unu jaron poste, en 1926. HEA plenumis siajn agadojn sukcese, la nova asocio reprezentis la hispanan esperantistaron ĉe la internacia E-movado, kaj la internacilingva movado antaŭ la hispanaj aŭtoritatuloj, kvankam ĉi tio dum la diktaduro de Primo de Rivera ne estis facila afero, kaj kelkfoje estiĝis akraj diferencoj inter E-movado kaj la aŭtoritatoj.

En la jaro 1929, dum la Hispana Kongreso en Oviedo, oni pridiskutis denove la rolon kiu devis ludi la landaj asocioj ene de la tutnacia asocio. Tiel, oni rajtigis al la zaragoza societo "Frateco" pristudi la aferon kaj, se necese, redakti novajn statutojn por HEA. Malgraŭ tiu decido de la Hispana Kongreso, la Estraro de HEA cenzuris kiun ajn laboron plenumitan tiusence de la zaragoza societo, ĉar neniu sanĝo devus okazi en la strukturo de la hispana asocio kiu povus ĝeni la ĝustan funkciadon de HEA. Tamen, malgraŭ tiu cenzuro, "Frateco" prezentis la statutojn de la nova Hispana Esperantista Konfederacio kun la apogo de la asocioj de Aragono, Asturio kaj Valencio.

Dum la jaroj de la dua Hispana Respubliko kunvivis, ofte ne-paceme, ambaŭ asocioj, la Hispana Esperantista Asocio kaj la Hispana Esperantista Konfederacio. En la jaro 1934 oni proponis solvon, laŭ ĝi oni nomumus kvinmembran komitaton, du membroj el HEA, du el HEK kaj la cetera el la Hispana Fervojista Asocio, kiu kunordigus la laborojn de ambaŭ asocioj kaj, eventuale, faciligus la ontan integriĝon de ambaŭ asocioj. Tamen la hispana intercivitana milito finigis la vivon de ambaŭ asocioj kaj de preskaŭ ĉiu agado favore al la internacia lingvo en Hispanio.



kaj HEF ade moderniĝas

En la jaro 1947, la hispanaj aŭtoritatoj de la nova frankisma reĝimo aprobas la fondiĝon de nova tutnacia E-asocio, temas pri la Hispana Esperanto-Federacio. Malgraŭ tiu nomo, al la Federacio apartenis ĉefe individuaj personoj. Dum la diktaduro de Franko, HEF kaj sia oficiala organo "Boletín" estas kurioza kazo en la hispanaj asocioj. Kompreneble, oni ne kritikis la politikan reĝimon, tamen estas tute certe, ke en la Estraroj de HEF, kaj en la paĝoj de *Boletín* kunlaboris personoj punitaj de la politika reĝimo, kaj eĉ kunlaborintoj kun la Popola Fronto dum la intercivitana milito. Tiel en *Boletín* aperis ofte informoj pri E-agadoj okazintaj en landoj de la soveta landaro, kaj estis tre normalaj la korespond-petoj de geesperantistoj de Sovetunio, Pollando aŭ Orienta Germanio. Ankaŭ oni rezencis en *Boletín* (kaj ec la propra HEF dis-






# La pedalaŭto

La filmo "El coche de pedales" (La pedalaŭto) oni projekcios premiere la 9an de novembro en la kinejo "Gran Teatro" kadre de la Filmo-Festivalo de Huelva.

Kiel vi jam povis legi en Boletín kaj en niaj retpaĝoj, en ĉi filmo Esperanto ludas surprizan rolon, kaj por ĝia efektivigo kunlaboris pluraj HEF-volontuloj, ĉefe Jesuo de las Heras prilaboris la bazan tradukon kaj Augusto Casquero surloke helpis la aktorojn.

La afiŝojn pri la filmo oni prilaboris kun lingva helpo de HEF, kaj ili montras lernejan kajeron kun titolo "Esperanto" kaj pluraj hispanaj frazoj sur ĝi kun traduko.

*Marcos Cruz*

vendis!) librojn eldonitajn de la ministerioj pri propagando de orient-eŭropaj ŝtatoj, kiuj laŭdis la sociajn atingojn de la komunismo. Versajne la cenzuro de la frankisma reĝimo kaj sia Ministerio pri Internaj Aferoj ne multe interesiĝis pri Esperanto, aŭ simple ne konis la lingvon, aŭ tutcerte okazis ambaŭ aferoj.

La agado de HEF estis tre fruktodona. Ĝia revuo aperis akurate, oni organizis ĉiujare la hispanan kongreson de Esperanto, ekzistis fakoj pri turismo kaj pri eldonado, la junulara sekcio HEKS estis tre aktiva kaj organizis tendaron por la hispanaj junaj E-parolantoj, kaj oni eĉ kreis, kun la ekonomia helpo de prestiĝa zaragoza samideano, la Fondaĵon Esperanto. Tiu sukcesa laboremo faciligis, ke en la jaro 1968 Hispanio estis la sidejo de Universala Kongreso de Esperanto. HEF ankaŭ havis vojaĝeman estraron kaj sidejon, tiel ĝi sidejis en diversaj urboj kiel Valencio, Madrido, Valadolido, Bilbao...

La nova strukturo de Hispanio, post la Konstitucio de la jaro 1978, ebligis kaj faciligis la fondiĝon de landaj kaj regionaj asocioj en Hispanio, kaj tiel ekde tiu jaro aperis naciaj asocioj en Katalunio, Andaluzio, Baskio, Asturio, Valencio, Murcio, Kantabrio kaj Galegio. Sed, malgraŭ tio, HEF daŭre estas la reprezentanto de la hispana E-movado kaj tre sukcese organizis en Valencio, la urbo kie ni renkontiĝas denove ci-jare, novan Universalan Kongreson en la jaro 1993.

*Jose Maria Rodriguez Hernandez*



# Pri Grupoj, Asocioj kaj tiel plu.

## Andaluzio

Aperis la dua volumo de la biografio de Blas Infante, konsiderata kiel la patro de la andaluzia patrujo, verkita de la eminenta historiisto Pastro Enrique Iniesta Cano. En ĉi volumo oni mencias, ke Blas Infante estis esperantisto kaj eĉ aperas la fotografaĵo de lia UEA-membrokarto de la jaro 1923. Ankaŭ oni mencias la studoj ĉi-rilate ellaboritaj de Juan de Dios Montoto, konata sevila esperantisto.

La 20an de septembro en Dar-al-Farah (Vilao Ĝojeco), kampara domo de Blas Infante, kaj hodiaŭ sidejo de fondjaho, samideano Juan de Dios Montoto prelegos pri la temo "Koincidoj inter la penso de Blas Infante kaj Esperanto".

Pri ĉi temo abunde raportos Gazeto Andaluzia en sia 72a numero.

*José María Rodríguez*

## Aragono

Aperis, en la hispana lingvo, la libro "El secreto de la diosa" (La sekreto de la diino), eldonita de Grijalbo kaj verkita de nia Zaragoza samideano Lorenzo Mediano. Ĝuu ĝin!




Junaj koroj el Don Benito

## Ekstremaduro

Ekis nova E-kurso en mezlernejo Cuatro Caminos, Don Benito. Oni planis organizi tion kadre de eŭropunia projekto Sócrates-Comenius, ligite kun similaj projektoj en mezlernejoj de Pontinha, Portugalio, Koszalin, Pollando, kaj Gyor, Hungario. Bedaŭrinde kvankam la du unuaj lernejoj sukcesis atingi la eŭropan subvencion la du lastaj ne —la burokrataĵoj estas superhomaj— kaj la tuta projekto oficiale ne okazos. Tamen reale

la projekto daŭras kaj okazas. Ĉijare en tiu hispana lernejo ok lernantoj eklernis E-on kaj rilatos al aliaj alilandaj lernantoj. Funkcios ties ttt-ejo.

*Kani*

# Eŭskio / Vaskio

* La 7an de oktobro, nia samideano Eduardo Larrouy estis intervjuata de Mari Carmen Navarro, fama ĵurnalistino de Bilbao, en "Radio Popular". Krom paroli pri la ĝenerala agado de nia E-asocio kaj ĝia centjara ekzisto, estis okazo por propagandi la organizadon de nova kurso kaj prezenti la venontjaran eŭropan kongreson. Kiel sciate, M. Carmen Navarro estis tre aktiva esperantistino antaŭ multe da jaroj, precipe ene de HEJS, kiam ĝia sidejo troviĝis en Bilbao.

* La 16an de Oktobro, Eduardo Larrouy kaj Jesús Miguel García estis intervjuataj en la loka televid-stacio "Bilbo Visión". Terese Mendiguren, juna kaj brila ĵurnalistino, demandis pri Esperanto en Bilbao kaj faris kvazaŭ teatraĵon, en kiu Jesús, staranta apud nigra tabulo, klarigis mallonge pri la traduko Esperanten de kelkaj vortoj.

* Jam estas pretaj, de antaŭ kelkaj semajnoj, la kvitancoj por ludi la tradician hispanan loterion, okaze de la kristnas-kaj festotagoj. Ĉi jare, la numero ludata de ni estas 29.350 kaj, same kiel la pasintan jaron (la unuan kun la eŭra monuo), ĉiu kvitanco kostos 3 eŭrojn, el kiuj, 50 centonoj restos kiel mondonaco al la E-Grupo.

* Dum Ĝenerala Kunveno, okazinta la 12an de septembro en la sidejo de la E-Grupo de Bilbao, estis definitive nomumita la Loka Kongresa Komitato (vidu ĉe la kongresaj novaĵoj).

* En la kadro de la kongresaj preparlaboroj, okazis diversaj kunvenoj kun la Direktorino pri Kulturo de la bilbaoa Magistrato, Direktoro pri Turismo kaj Direktoro pri Kulturo de la Bizkaja Provinca Gubernio.

* Kiel tradicie, ankaŭ ĉi-jare ni kuniĝos por celebri la datrevenon de la naskiĝo de la kreinto de Esperanto, L.L. Zamenhof. La kunveno okazos la sabaton, 20an de decembro, je la 19,30 h. Post spektado de E-filmo, okazos mallonga prelego, kiu enkondukos nin al harmonia diskutado; samtempe, estos trafa okazo por renkonti malnovajn geamikojn.

*J. Miguel Garcia Iturrioz*

# Galegio

La Brusela Komunikadcentro, citante raporton el la prezidantino de Bjalistoka E-Societo, informas ke la loka E-asocio akceptos hispanan televidfirmaon "Faro-Lerez Producer', kiu turnas filmojn por televidprogramoj. Ĝi preparos 'en Bjalistoko filmon pri Ludoviko Zamenhof kaj Esperanto. La entreprenon, "Pro-

(1) Dekstre John C. Wells.
(2) Centre Leandro Trujillo.
(3) La kutima frata kunmanĝado

ductora Faro-Lerez, S.L", estas malgranda produktejo el Pontevedra, ligita al Ediciones Lerez, kiu publikigas la ĵurnalon "Diario de Pontevedra".

*Darío Rodríguez*

# Kanariaj Insuloj

* Samideano, Jorge García, profesoro por aviadil-kontrolistoj, aperigis fakvortaron en la angla kaj la hispana pri aviadil-terminologio kun ĉirkaŭ 20.000 kapvortoj.

* La turisma vojaĝ-agentejo ESPERANTO-TOUR (Pollando) sendis al Tenerife aron da reprezentoj de la plej modernaj eŭropaj frizo-salonoj, kiuj apartenas al internacia germandevena entrepreno "KADUS". Grupo el 25 harkombistoj, kiuj prezentiĝis per prelegoj kaj demonstroj.

*Fran*

* Por omaĝi Juan Régulo Pérez, en la dekjariĝo de lia forpaso, ESTO invitis John C. Wells, katedra profesoro pri fonetiko, tre bone konata en la universitataj medioj pri literaturo, angla filologio, por prelegi en La Laguna. La 2an de novembro okazis la unua prelego pri Juan Régulo en la ESTO-sidejo. Ĉeestis la filinoj de S-ro Régulo.

La 4an, raportistino de *Radio Isla*, S-ino Maria Perdomo, kiu gvidas radioangulon "Enciklopedio de la Vivo", intervjuis s-ron Leandro Trujillo kaj s-ron Wells.







Post libromontrado dediĉita al Prof. Juan Régulo, kun multaj el liaj eldonaĵojn, fotojn ktp. okazis la dua prelego de s-ro John Wells, kies titolo estis "De



Elmontrado de libroj en rilato al Juan Régulo Pérez



Survoje al Bulnes, kelkaj membroj de KantEA trairas lignoponton

Askio al Unikodo: la internaciiĝo de la Interreto *(Del ASCII al UNICODE: La internacionalización de Internet)*". La prelegon tradukis al hispana lingvo nia Prezidanto, S-ro Suárez. S-ro Wells prezentis du pliajn anglalingvajn prelegojn en la Universitato de La Laguna, pri fonetikaj aspektoj de la angla.

*Omarajan*

# Kantabrio

* Komence de novembro ekis nova kurso. La kosto estis nur 36 eŭrojn, kaj la lernantoj ricevis kaj lernolibron kaj vortaron. La daŭro de la kurso estos nur unu monato, t.e. 16 horoj, kaj la lernantoj mem decidos, ĉe la fino, ĉu ili emas aliĝi, senpage, al la dua parto de la kurso konsistanta el 44 pliaj horoj.

* Loterio fariĝis kutima fonto de enspezo. Ĉi-jare la asocio partoprenas la Kristnaskan lotadon per la numero 02687.

* Responde al artikolo aperinta en El Diario Montañés, aperis du replikaj leteroj de esperantistoj en tiu ĵurnalo.

* KantEA daŭre organizas ekskursojn. En oktobro kelkaj membroj vizitis Bulnes (Asturio), kaj Frias, Oña kaj Poza de la Sal (Burgos).

* Nova tre moderna komputilo anstataŭis la antaŭan. Tiu nova "ilo" permesos al la Estraro, interalie, lanĉi novan servon. Ĝi estos elektronika biblioteko, kiu permesos al la membraro konsulti aŭ legi pli ol tricent e-librojn kaj multajn E-dokumentojn.

*El "Saluton"*

# Kastilio kaj Leono

En la 12a numero de la duonmonata gazeto *La Voz de Castilla y León*, senpage disdonita, aperis preskaŭ tutpaĝa arti-

kolo kun la titolo "Esperanto, komuna lingvo preter la landlimoj". Ĝin ilustras foto de Zamenhof kaj bildeton de la konata bildkarto de ILEI "Ni deziras lerni Esperanton en la lernejo". Bedaŭrinde, je la fino de la ĝenerale pozitiva artikolo, la "misdokumentita" ĵurnalistino, prezentas jenan frazon en Esperanto: "La tot homoze in familje komunigare so debá". Kio evidente estas... praesperanto!

*Luis Hernández*

# Katalunio

* Ĉiumonate KAE organizas E-Babiladon gvidatan de s-ro Luis Serrano. La lasta okazis la 16an de novembro en la sidejo de HEFA. Ĝia temo estis "Ĉu nia socio dekadencas?". Dudeko da delegitoj kaj membroj de asocioj de la barcelona provinco partoprenis.

* Klubo Aŭroro de la Formiga Martinenca (Mallorca 580; 08026 Barcelona) havas elementan kurson, marde kaj ĵaŭde, de oktobro ĝis majo. Instruas S-ino Adela.

* HEFA, Hispana E-a Fervojista Asocio, kunvenas ĉiulunde (18a-20a horo) en sia sidejo en la stacidomo Clot-RENFE de Barcelono.

* Grupo de artistoj de Sants, Barcelono, organizis babilrondon la 13an de novembro en "Centro de las Cotxeres". Oni prezentis la teatran verkon "El mirall del temps" de s-ano Ricard S. Güell, aŭtoro de "Kalejdoskopa poemaro".

*Salvador Aragay*



Partoprenantoj de la Dua Dialogo, en la strato Zamenhof

* La kataluna ĵurnalo "Avui" aperigis (nov. 16) artikolon pri la Europa Socia Forumo en Parizo. En subtitolo ĝi diras: "La kunveno kunigas ekde esperantistoj ĝis rompistoj de montrofenestroj". Kaj, en la artikolo oni mencias demandon de franca ĵurnalo "La Tribune": "Kion komunan havas esperantisto kaj atakanto kontraŭ MacDonalds?"

*Hèctor Alòs*

* La produktisto de ŝaumvino Esteban Anglada, el Sant Sadurní d'Anoia, etikedas sian produkton "cava" sub la nomo ESPERANTO, ĉar lia patro estis esperantisto. Li ofertas diversajn kvalitojn ekde 25 EUR por sesbotela skatolo. Informoj aŭ mendoj: Esteban Anglada;

Industria, 32; 08770 Sant Sadurní d'Anoia; Tel: 938-910-790; rete: e.anglada@wanadoo.es

*Manolo Parra*

* KAE partoprenas en la kristnaska loterio per la numero 37779.

* La 2a Somera Dialogo okazis en la E-Restadejo en Monistrol de Montserrat (6-7 sept.). 15 e-istoj kune kun la urbestro, s-ro Joan Miquel, surmetis bukedon de floroj sub la novan nomtabulon de la strato Zamenhof. La unua tabulo estis inaŭgurata en 1968, okaze de la 24a IJK de TEJO en Tarragono. Prelegis s-anoj: G. Moya (Persona etiko), Martín Guerrero (Pioniroj) kaj S. Aragay (Sufiksoj kaj prefiksoj). Cetere, oni ekskursis al la Monaĥejo de Montserrat per la ĵus inaŭgurita dent-rela trajno.

* Oni ŝanĝis la adreson de la renkontiĝejo en kiu merkrede kunvenas gesamideanoj kaj delegitoj de la diversaj asocioj kaj kluboj. Notu: *Beer & Coffee*; Fontanella 2-4. De 10a ĝis 11a h. apud Plaça Catalunya. Ĉiuj estas bonvenaj.

* Ĉiulunde (19-20 h.), la BEC-membroj s-ino Susana kaj s-anoj Juanjo kaj Pako aranĝas por vi amuzajn kaj instruajn 60 minutojn, pri kaj en Esperanto, ĉe *Radio Bronca* 99.0 FM (Ap.25102; 08080 Barcelono; Tel. 933-594-900).

* BEC relanĉis en oktobro senpagajn E-kursojn en ĝiaj du sidejoj. En San Agustín (Comerç 36), elementa, gvidata de s-ro Manuel López, ĉiumarde 20-21 h. Kaj en Centre Casinet (Rector Triadó 53) konversacia, gvidata de S. Aragay, ĉiumerkrede 19-21 h.

*S. Aragay*

# Madrido

* Juan del Castillo gvidos 4-monatan kurson en Asociación de Vecinos "La Unidad" de San Cristóbal de los Ángeles, (Villaverde).

* La kunvenoj de MEL okazas ĉiulunde en la HRF-sidejo.

*El "Nia voĉo"*

* En la E-budo, ĉe la Festo de la Hispana Komunista Partio en Casa de campo de Madrido, unu el la plej vendataj libroj estis Manifesto de la Komunista Partio, de Karl Marx kaj Friedrich Engels. Bedaŭrinde estis malmultaj ekzempleroj. Kurioze, aĉetantoj verŝajne ne scipovis Esperanton, kaj ili aĉetis la libron kvazaŭ relikvon aŭ kiel kolektistan pecon. La verko akireblas senpage ĉe la E-Librejo.

*Darío Rodríguez*

# Valencio

Kiel jiujare en la unua dimanĵo de septembro kunvenis en la pinarbaro de Guardamar del Segura dudeko da geesperantistoj de la Murcia Regiono kaj de la Valencia Komunumo. En tre agrabla etoso ni banimis, promenis tra la marbordo, paroladis pri kaj en Esperanto, babilis, kunvenis kaj kunmanmis (trinkarojn donacas la organizantoj).

Antaŭ pli ol 15 jaroj la grupo "kiam Esperanto" de Callosa de Segura komencis organizi tiun ĉi esperantan tagon. De tiu ĉi jaro, kaj pro malbonfarto de mia respondeculo José María Berabéu Franco, la grupo de Alicante alprenis la taskon daŭrigi la organizadon de la esperanta evento.

*José Miguel*




## Ĝenerale

* Serĉante per Google la vortkonvinon "coche de pedales"+Barea, oni ricevas preskaŭ ducent paĝojn. Kaj la ttt-ejo de HEF aperas en la kvina loko. Jen bona ekzemplo de nerekta informado pri Esperanto.

* La asocio kiu instigas la skeptikismon, ĉefe pri ĉio rilata al pseŭdosciencoj, en Hispanio, ARP-SAPC (Racia Alternativo al la Pseŭdosciencoj - Societo por la Antaŭenigo de la Kritika Pensado), publikigis en sia retpaĝo prezentadon de si mem, tradukitan al Esperanto.

"www.arp-sapc.org/sobrearp/ editorial.esperanto.html"

Ĝenerala indekso: "www.arp-sapc.org/"

*Antonio del Barrio*

* La esperanta traduko de la sinprezento de sindominio jam videblas en: "www.sindominio.net". Kompreneble klaku sur esperanto!

*Pablo A. Foĉe*

* Denove Esperanto estis menciata en kvizo de Tele-5 (03.09.19.20:15). La demando estis: "¿Cuál es el nombre del médico ruso que creó la lengua del "esperanto"?" La konkursanto fiaskis, kaj la gvidanto diris la ĝustan nomon, kiu aperis skribita jene: "Ludwic Zamenhof".

*M.P.B kaj Rodrigo Vaquera*




Stando de SATEH "Izquierda y Esperanto" en la festo de la HKP

* La ĵurnalo ABC aperigis en sia Barcelona eldono (03.10.01) leteron de leganto sub titolo "Esperanto". La teksto, subskribita de Evaristo Sender (patrona membro de HEF), priskribas ĝenerale la kvalitojn de ĉi lingvo kiel internacia komunikilo, kaj pledas por ĝia elmontro sine de la venontjara evento Forumo de la Kulturoj. La leteron estis sendita ankaŭ al "El País", "El Periódico" kaj "El Mundo", kiuj ne publikigis ĝin.

*HEF-sekretario*

* En la revuo *Speak Up* (n. 217), por hispanaj anglalingvaj lernantoj, aperas tripaĝa intervjuo kun brita e-isto Edmund Evans pri E-o. Ĝi aperas ankaŭ en aldonita K-Disko.

*J.M. Salguero*

* En la reta suplemento "Navegante.com" de ĵurnalo "El Mundo", je 3a de novembro, oni informas pri la nomo de la signon @ en pluraj lingvoj, interalie Esperanto.

*DRL*

* En la paĝaro "http://barrapunto.com" pri komputilaj liberaj sistemoj kaj programoj, oni publikigis mencion al la nova versio de E-kurso por la libera kaj publika komputila mastrumsistemo "GNU/Linux" (ĝis nun ekzistis versio nur por Windows).

*Marcos Cruz*

* La ĵurnalo El Mundo (03.11.16) informas pri la Europa Socia Forumo aludante la aperon en la manifestacioj de probatalantoj de Esperanto.

*Dário Rodríguez*



La feliĉa Fernando de Diego, la dua maldekstre, kaj Augusto Casquero kun la *baldaŭ elĉerpiĝinta* Gran Diccionario Español-Esperanto en la mano

# Kun Fernando de Diego

La 11an de novembro, reveninte de la E-aranĝo GRUPPE-7, kelkaj partoprenantoj el la urboj Torun, Wroclaw, Pelplin kaj Bydgoszcz (la subskribinto) haltis en Wroclaw por viziti la elstaran esperantiston, eksan akademianon, Fernando de Diego, kiu kune kun sia pola edzino afable gastigis la alvenintojn, kaj subskribis ekzempleron de sia lasta, giganta verko, "Gran diccionario español-esperanto".

Ĉiuj dankis kaj gratulis lin pro la verkado de tiu nemalhavebla, baldaŭ elĉerpiĝinta, vortaro.

*Augusto Casquero*

# Kapitaligo de la e-movado

La centjariĝon de la esperanta movado en Hispanio oni celebris en la pasinta kongreso de HEF en Valencio. Multon oni faris post cent jaroj, kaj ni devas gratuli la antaŭan kolegojn kiuj laboris multe, bone kaj trafe por la disvastigo de la ideo kaj lingvo iniciatita de Dr. Zamenhof.

Oni eldonis lernolibrojn, poŝvortarojn, romanojn ktp, kiuj taŭgis por la interkompreniĝo kun multaj ekterlandanoj en kongresoj, renkontiĝoj, kaj cetere.

Sed, ĉiam estas iu "sed", ĉu ĉio iris glate kaj ŝate? Ne, tute ne. Laŭ la ekonomia vidpunkto mi diras ke la afero fiaskis. La nura havaĵo de HEF estas la madrida sidejo aĉetita de kelkaj e-istoj madridaj kaj poste donacita al HEF. Do, HEF aĉetis nenion.

La situacio de la grupoj estas pli malpli la sama aŭ pli malbona. Kion fari? KAPITALIGI. Sed kiamaniere?, konsiderante ke niaj jaraj enspezoj ne ĉiam sufiĉas por kovri la elspezojn.

La e-movado estas maŝino elspezanta monon. Ni iras al la kongresoj (U.K., naciaj) kaj nia mono flugas al la kontoj de aliuloj (Renfe, Iberia, Repsol, hoteloj, restoracioj, kafejoj) sed kiom da mono falas en nian sakon? Nur kelkajn monerojn, kiam oni (kiu estas oni) aĉetas libron, ni ricevas, kio ne sufiĉas por iniciati alian ideon. Kion fari por ke la esperanta movado estu la ĉefa profitanto de la mono kiun ni ĉiujare elspezas en niaj aktivaĵoj? La afero ne estas facila, spite tion ni devas pensi, cerbumi, streĉi nian cerbon kaj alveni al konkludo pli favora por niaj interesoj.

Multaj e-istoj diras ke ili multe amas e-on. Nu, antaŭ multaj jaroj, eĉ jarcentoj homoj donacis siajn havaĵojn (heredaĵojn) al la eklezio, nun multaj jam donacas al la NRO-oj. Kiam do la e-istoj komencos donaci al la e-movado? Kion oni faras en la aliaj eŭropaj kaj ne-eŭropaj landoj?

Ĉu, sen mono, nia movado kapablos travivi plian jarcenton?

*Pedro A. Garrote*
*Kasisto de HEF*

## Emas korespondi

* Mi estas 48-jara komencanto, kaj ŝatus korespondi pri ĉiuj temoj, sed prefere pri muziko kaj literaturo: Carlos Altino Almeida de Souza; Cel. Francisco Soares 728 - casa 18 apt. 201; Nova Iguaŝu - Rio de Janeiro - Brasil; Cep: 26215.000 "csouza@nsi.com.br".

# La 11a IESKT




La 11a Internacia E-Semajno de la Kulturo kaj turismo okazis en Santa Susanna (Barcelona) de la 4a ĝis la 11a de oktobro 2003. La inaŭguron ĉeestis 85 gesamideanoj, multaj eksterlandaj. Prezidis la urbestro de Santa Susanna, s-ro Joan Campolier Montsant, kiu tre helpis la organizadon de la aranĝo. Post la enkonduko de Luis Serrano, salutis unue Michela Lipari, nome de UEA, poste diversaj eksterlandaj reprezentantoj, kaj fine s-ano S. Aragaj nome de la hispanaj esperantistoj. Fermis la inaŭguron la s-ro urbestro, kiu per afablaj vortoj deziris al ni grandan sukceson en niaj streboj. La organizantoj transdonis al s-ro Joan Campolier memorigan platon.



Michela Lipare, kiu prelegis pri la disvolviĝo de UEA, parolis pri ĉiuj UEA-krizoj, pri la laboro de UEA rilate al eldonado kaj informado, pri la ekonomia problemo, kiun ŝi difinis plibonigebla sed ne danĝera, kaj pri la problemo de la nuna sidejo kaj ties eventuala translokiĝo, kion laŭ ŝi, oni devos solvi en la periodo de la nuna estraro. Responde al diversaj demandoj ŝi respondis ke UEA ne estas neŭtrala, ke la nuna statuto estas absolute valida, kaj ke, kvankam en Eŭropo la E-movado lamas, en Afriko kaj Brazilo ĝi floras.

La verkisto Antonio Marco Botella prelegis pri la vivo de Antonio Machado, lerte prezentante la diversajn travivaĵojn de tiu verkisto, kiu elstaris proze kaj poezie, precipe pro sia modesteco. Liberala homo kiu, same kiel multaj aliaj, devis travivi la hispanan intercivitanan militon kaj ekziliĝi en Francion, kie li mortis.

Giordano Moya, veterana preleganto kaj verkisto, prezentis sian studon "Fundamenta etiko", kiu esploras el diversaj vidpunktoj irindan vojon por la homaro. S-ano Moya, ĝisosta defendanto de la Interna Ideo, opiniis ke la E-movado povus savi la mondon, laŭ la idealo proponita de Dr. Zamenhof. Sekvis longa kaj interesa kolokvo.






S-ano Navarro-Rosonés, D-ro pri Botaniko en la Barcelona Universitato, prelegis pri likenoj. Li helpis sin per diapozitivoj rilataj al vojaĝo, kiun li, kun aliaj 20 kolegoj el diversaj landoj, faris al Sonora (Usono) kaj Meksiko. Krome li prezentis la vivkondiĉojn de la tieaj loĝantoj.

Mennciindas la projekcion de la muta filmo "La Kiras-ŝipo Potjómkin", kiun s-ano Ricard S. Güell prezentis en parolata E-versio. S-ano Güell gvidis ankaŭ poetikan fakon, kie li prezentis sian libron "Kalejdoskopa Poemaro". La imponа nova vortaro Hispana-Esperanto de s-ano F. de Diego estis prezentita de s-ano S. Aragaj. Josee Boccadifuoco kaj Georges Gointhier, francaj gesamideanoj, regalis la partoprenantojn per tre amuzaj skeĉoj.

La unua ekskurso okazis perŝipe de Santa Susanna al Tossa de Mar, kaj daŭris tri horojn. Ekskurso tra la urbo per turisma trajneto helpis nin rimarki la evoluon de tiuj iamaj agrokulturaj vilaĝoj. En la tuttaga ekskurso ni vizitis la ruinojn de Ampuries, kie antaŭ jarcentoj ekzistis greka kolonio kaj poste romiana urbo. Ni vizitis du fabrikojn, la unua dediĉita al pretigado de anĉovoj, kaj la dua al produktado de biskvitoj kaj aliaj frandaĵoj. La kvara ekskurso estis al urbo Vic, kie ni vizitis la Katedralon kaj la Diocezan Muzeon, ambaŭ plenaj de riĉa arto religia.

Diference de aliaj E-aranĝoj, IESKT havis du Interkonajn Vesperojn, kie abundis kukoj, biskvitoj, dolĉa vino kaj ĉampano "Esperanto". Jaŭdon, akompanis nin triopa ensemblo, kiu regalis nin per diversaj kanzonoj, kelkaj en Esperanto. La fama "cremat" (bruligita rumo), servata en rememoriga tazeto, gajigis la feston ĝis la unua matene. Pro ĝentileco de la urbestro, s-ro Joan Camplier, kiu akompanis nin, ni estis regalataj per vespermanĝo kaj la spektaklo "Hispana Flokloro", ĉio en mirinda nokto. S-ano Salvador Aragaj gvidis superan E-Kurson, kaj dum la tuta Semajno funkciis ampleksa libro-servo, tre vizitata de la gesamideanoj. Debato pri la temo "Ĉu ĉiam ekzistos milito?" okazis nur parte, ĉar oni devis plenumi la inviton de la s-ro urbestro.

*La Organiza Komitato*



# Fundación Esperanto

Meze de oktobro kunvenis la Patronaro de "Fundación Esperanto", en Zaragozo, por pritrakti la ĵusajn kaj venontajn agadojn akorde kun la celoj de la Fondaĵo.

Unuavice oni konfirmis la nomumon de Toño del Barrio kiel nova Direktoro de la Fondaĵo, post la decido prenita dum la kongreso de Valencio. La Patronaro deziris montri sian dankon kaj agnoskon al la laboro de la antaŭa Direktoro, José María Rodríguez, kiu tiel sindediĉe klopodis por plenumi la devojn de sia posteno. Krome, José María Rodríguez plu restas ligita al la Fondaĵo kiel patrono.

La nova direktoro raportis pri la publikigo de informa paĝo pri la Fondaĵo en la reto, ene de la paĝaro de Hispana Esperanto-Federacio. Oni povas konsulti ĝin en la adreso www.esperanto-es.net/fundacion. F.E. ankaŭ disponas novan retadreson, fundacion@esperanto-es.net; la antaŭa (fundacion_esperanto@hotmail.com) tamen ankoraŭ validos dum ioma tempo. Cetere, oni povas uzi la adreson de la Federacio, en Madrido, por sendi poŝtajn leterojn al la Fondaĵo.

Ni analizis la lastajn aperintajn normojn pri Fondaĵoj, kiuj iom modifas nian funkciadon, kaj ĉefe la kreskantajn postulojn, precipe burokratajn, de la aŭtoritatoj, kiuj pli kaj pli kontrolas la agadojn de tiaj organizoj, eĉ se, kiel okazas ĉe ni, ili estas modestaj.

Ni analizis la finanacan situacion de la Fondaĵo. Kiel sciate, Fundación Esperanto posedas kapitalon, leĝe netuŝeblan, kaj oni rajtas uzi por la fondaĵaj celoj nur la profiton tiritan el la faritaj investoj. Kiel estas konate, la rendimentoj de la investaĵoj estas tre magraj nuntempe, kaj tio kaŭzas ke la disponebla mono apenaŭ sufiĉas por kovri niajn ambiciajn planojn rilate al la movada helpo. Tial, ni iom modifos la manieron investi la kapitalon. Sed ĉefe, ni tuj entreprenos agadojn por kreskigi niajn enspezojn. Unue, ni intencas peti helpojn al aliaj Fondaĵoj kaj privataj instancoj, kaj ankaŭ ni komencos kampanjon por studi eblajn ŝtatajn subvenciojn, lige al konkretaj projektoj. En tiu ĉi kunteksto, ekzemple, ni ĵus petis subvencion al la Eŭropa Unio, kadre de la programo "Kulturo 2000", por apogi la tradukadon de beletraj verkoj. Kompreneble, ni ne multe fidas je la sukceseblo de tiaj petoj, sed ni devas koplodi por eniri la sferon de tiaj institucioj.

Sed ni ankaŭ deziras nin direkti al vi ĉiuj, la unuopaj esperantistoj, por peti vian kontribuon ĉe tiu financa plifortigo de la movado, pere de via financado de la Fondaĵo. Ĉiu el vi estas la ĉefa motoro de la movado, kaj nur per via helpo ni povas akiri la rimedojn por antaŭenigi nian aferon. Tial, ni deziras komenci tiuspecan specialan kampanjon. Memoru ke vi povas kontribui por ĝeneralaj celoj, sed ankaŭ por specifaj agadoj de la Fondaĵo, laŭ via prefero; aparte de la jam ekzistantaj agadlinioj, vi mem povas proponi novajn iniciatojn, kaj ni studos ties plenumeblo kaj konformo kun la celoj de la Fondaĵo. Oni ankaŭ memoru ke la mona donacado al institucioj kiel nia havas avantaĝojn el imposta vidpunkto. Por enkasigo de via apogo, vi povas uzi niajn konatajn kontojn ĉe Ibercaja (2085-0101-13-0128624762) kaj ĉe La Caixa (2100-2149-31-0100165085), ambaŭkaze de Zaragozo.

Ekzemple, specifa agado de la Fondaĵo, financata pere de la malvara helpo de samideano, estas la donacado de dek ses ekzempleroj de la "Granda Vortaro Hispana-Esperanto" al bibliotekoj de urboj kie ne ekzistas organizita movado. Ni nun studas la plej taŭgajn urbojn, kaj jam ekkontaktis kun kelkaj institucioj, kaj kun niaj regionaj asocioj, por studi la eblecojn profiti tiun ĉi cirkonstancon por prezenti nian lingvon al la ekstera publiko. Ni informos vin pri la demarŝo de la agado.




16 ekzempleroj de *Gran Diccionario Español-Esperanto* iros al 16 gravaj biblioteko danke al la pozitiva agado de Fundación Esperanto.

Fine, ni studis la konkretajn financotajn agadojn por la jaro 2004. Ni decidis la kunvokon, kiel en pasintaj jaroj, de helpo al la grupoj kiuj organizos kursojn de Esperanto en hispanaj universitatoj, kondiĉe ke la kurso disvolviĝos dum tiu jaro kaj post la pruvo de la plenumo de la agado. Ni ankaŭ planas la helpon al la eldonado de novaj libroj, sed tio restas kondiĉita al nia financa situacio, post la rezulto de la proponitaj kaj jam priskribitaj agadoj, kaj al la helpo kiun ni povos akiri de eksteraj instancoj kaj, ĉefe, de la movadanoj mem.

*Zaragozo, oktobro 2003.*

*La Patronaro de Fundación Esperanto*







Rok-gazet' jen nepre via revuo se la esperantta muziko interesas vin

* 197 gestudentoj lernas en la Universitato Dankook en Seulo kaj Ĉonan (Koreio). Esperanto estas oficiala lern-objekto kun du notoj dum unu semestro. La kurso enradikiĝis en la universitato pro varma aliĝo de la studentoj, kiuj havas interson pri Esperanto. Tiuj, kiuj volas korespondi kun ili, bv., lasi vian korespondo-peton en mia hejmpaĝo: www.esperanto.co.kr. (ĉambro-nomo: Libera-skribo) Docento: LEE Jung-kee

* "http://periskope.blogspot.com/" estas la adreso de "blogo" mastrumita de la verkisto Gonçalo Neves, kiun ni varme rekomendas al la legantoj de Boletín.

*MZD*

* Sergej Chikachev el Magadano (Rusio) chirkaŭiras la mondon petvetu-re, uzante Esperanton. Li ekiris la 5an de aŭgusto 2003 kaj jam faris 9000 kilometran marŝon, tute sen mono! Nun li alvenis al Ekaterinburg, poste li iros al Moskvo, kaj tra Kartvelio kaj Armenio al Irako, Irano, Pakistano, Afganio, Hindio, kaj tra la tuta Afriko. El Kejptauno li planas veni al Suda Ameriko; tra la Centra Ameriko, Kubo al Usono, Kanado, Alasko kaj reen al Magadano... Tra la tuta vojo li uzas la helpon de "Pasporta Servo".

*Viktor Kudrjavcev*

* Oni povas legi la novembran numeron de Le Monde Diplomatique en esperanto ĉe: http://eo.mondediplo.com

*Pablo A. Foche*

* En la lastaj du monatoj la elektronika katalogo de Internacia Esperanto-Muzeo, TROVANTO, staris unualoke en la statistiko de la Aŭstra Nacia Biblioteko. Fakte nun ĝi okupas la unuan lokon ankaŭ en la jara statistiko. Ĉu do ĝi fariĝos ĉampiono por la jaro 2003!



## Gerrit Berveling

La E-verkisto Gerrit Berveling ricevis la 500 eŭran OSIEK-premion 2003 pro la verko Antologio Latina. La OSIEK-anoj proponis 25 premiindajn verkojn, kaj oni atribuis la premion al Berveling post la kutima sekreta voĉdonado.



SAT-budo en la ESF



Budo de "Europo, Demokratio kaj Esperanto" en la ESF

Nu, daŭre konsultu la retkatalogon, ĉar de la 1a de oktobro ĝi kreskis: www.onb.ac.at/sammlungen/planspraĉen/index.htm

Jen la statistiko de septembro:

Trovanto:. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 1151

NAK; . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 1023

Ariadne: . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .594

Tabulae: . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 459

*Mag. Helga Farukuoye*

* Jakvo Schram, prezidanto P.K. de SAT rakontas ke SAT, SAT-Amikaro, FET kaj UFE partoprenis en la ESF (Eŭropa Socia Forumo) per pluraj prelegoj en la sidejoj de ambaŭ organizaĵoj. Ankaŭ hispana samideano, Viktoro M. Macías, rakontas sian partoprenon en la ESF-on dirante: "Mi havis iom da tempo por viziti dufoje la budon de la "neŭtrala" franca e-asocio, kvankam tie mi trovis geSATanojn, kun kiuj mi multe ridis, babilis kaj ŝercis suprizante la aliulojn, kiuj konstatis, ke esperanto utilas. Bedaŭrinde mi ne povis viziti la budon de SAT. Mi tamen ĉeestis prelegon pri "Europo, Demokratio kaj Esperanto", kie paroladis hungara, itala kaj franca samideanoj pri esperanto ĝenerale kaj pri partio, kiu prezentiĝos en Francio al la elekto por la Eŭropa Parlamento, land- kaj regionskale."

Jen informi en niaj sidejoj, jen ekstere, ni memoru ke nova mondo eblas, for




## Helpo

La esperantisto François Hounsounou en Aguidahoue instruas ĉion instruendan laŭ la nacia programo kaj ankaŭ Esperanton. Helpu lian lernejon per mono (sendu al la Fondaĵo Espero de UEA kun la indiko "lernejoj por evoluo") aŭ per skribiloj kaj kajeroj sendendaj rekte al: François Hounsounou; BP 226 Lokossa-Mono; Benin.

de la submetiĝo al la novaj inventiaj dioj, sed pleje gravas la devizo: "unueco estas forto".

*M. Zocato*

* Ĉiumonate kreskas la ttt-ejo OLE dediĉita al la Originala Literaturo Esperanta: http://www.geocities.com/origlit/

La lasta ĝisdatigo prezentas plej gravajn lastatempajn aldonojn apud preskaŭ milo da dosieroj pri aŭtoroj, verkoj kaj centoj da bildoj kaj ligoj al eksteraj interretaj paĝoj.

*Sten Johansson*

# Biblioteko Juan Régulo

Jen la listo de laste alvenintaj libroj al la Biblioteko Juan Régulo.

* La postdomo. István Ertl. Eldonejo Bero. Rotterdam, 2003 [Jorge Camacho]

* Esperanto Polski Zwiazek. Andrzej Pettyn. Esperantystów; 1979; pl. [José Blanco Puente]

* Yumeiho Terapio. Internacia Instituto de Preventa Medicina Praktiko; jp. [LE].

* Manifesto de la Komunista Partio. Karl Marx kaj Friedrich Engels. Eldonejo Progreso, 1990. [Pedro Sanz Sanz]

* Una mano tomó la otra. Poemas para construir sueños. Hilario Silva, Pedro; Crespo Massieu, Antonio; Bravo de la Varga, Roberto; Cañamares Leandro, Fernando. Comunidad de Madrid; Consejería de educación 2002; es; [LE].

* Poemas para inventar un mundo. Propuestas para una lectura y escritura creativas. Aranda buitrago, M-a Jesús; López Expósito, Ana Mª; Martínez Lorente, M-a Lourdes. Comunidad de Madrid. Consejería de educación 2002; es. [LE].

*Ana Manero*







Supre, dekstre: ĉe blinduloj

Supre (1): antaŭ la lernejo

Supre (2): Augusto en Pollando

## Blinduloj

En la pola urbo Bydgoszcz, la 15an de aktobro, okazis prelego por blinduloj, pri hispana kulturo kaj pri Esperanto, far la esperantistoj Jan Skonieczka (Pollando) kaj Augusto Casquero (Hispanio), organizita de s-ino Skonieczka.

## Nova filmo

Roman Dobrzynski, pretigas novan filmon. Li vojaĝis al Miloradz, norde de Pollando. kie, kun la helpo de la loka esperantistaro sub la gvido de Eduardo Kozyra, li filmis en bazlernejo, kie infanoj kaj profesoroj entuziasme kunlaboris. Konga esperantisto Moliére Ngangu kaj Augusto Casquero rolis instruistojn.

La lokaj instancoj afable gastigis, regalis per bone nutrita bufedo kaj invitis viziti la "Parkon de la Nacioj", loko kun plej multe da Z-eoj en la tuta mondo.

## Arkones

De la 26a ĝis la 28a de septembro okazis la E-aranĝo "Arkones", en la historia pola urbo Poznan. Interesaj prelegoj, muzikaj kaj teatraj prezentadoj, konkursoj, prezentado de E-eldonejoj, libroj, ktp., okazis en agrabla etoso.

Prelegis, muzikis aŭ aktoris, ktp.: Ilona Koutni, Zgibniew Galor , Vera Barandowska, Bertilo Wernnergren, Detlev Blanke , Aleksander Korjenkov , Halina Gorecka, Aida Cizikaite, Roman Dobrzynski, Vilmos Benczik, Moliére Ngangu kaj kolegoj, Wera Blanke, Peter Chrdle, Andrzej Sochaski, Witold Czerwinski ktp.







(1) Le Thi Thien Thu (Vietnamio)

(2) GRUPE-7 en Gliwice (Pollando)

## GRUPE-7

En Gliwice, suda Pollando, okazis (7a ĝis 11a de novembro) la jam tradicia E-aranĝo "GRUPE". Kun bunta kaj alloga progamo, sen krokodiloj, kaj kun alta lingva nivelo.

Menciindas, interalie, la prelegojn de Le Thi Thien Thu (Vietnamio) "Esperanto en Azio kaj Vietnamio", Roman Dobrzynski (Pollando) "Muroj kaj pontoj-aktualeco de Zamenhofa penso", "Esperanto en Kroatio" far Zelimir Pehar (Aŭstralio), Augusto Casquero (Hispanio) "Propedeŭtika valoro de Esperanto por la lernado de fremdaj lingvoj por dulingvaj infanoj" kaj "Pacaj bataloj", "Montaraj legendoj" far Danuta Zelinska (Pollando), "Mia poezio" far W. Lipowicz (Pollando). Marian Zdankowski lerte gvidis allogan "Esperanta kvizo"-n. Prezentiĝis la Eldonejo "Hejme" kaj la bulteno "Pola Esperantisto".

*Augusto Casquero*

**Atentu, estas eta ŝanĝo en la kontonumero de HEF ĉe BBVA:**

**0182-1252-31-0204011961**



Pofesoraro de AIS



Novaj diplomitoj (bakalaŭroj kaj magistroj)

## Internacia Akademio de la Sciencoj

La 11an de septembro, polaj profesoroj kaj studentoj busis al Bulgario por partopreni sesion de AIS.

Prov-SUS 26 de Internacia Akademio de la Sciencoj San Marino okazis de la 13a ĝis la 22a de septembro en la Internacia Universitato de Karlovo. Partoprenis 48 gestudentoj (37 poloj, 8 albanoj kaj 3 rumanoj).

Okazis diversaj kunsidoj de profesoraro kaj senatanoj, 8 kursoj (6 sciencaj



Enmanigo de diplomo al Augusto Casquero

kaj 2 lingvo-kursoj), kaj diversaj prelegoj. Bakalaŭriĝis sukcese 10 personoj (2 albanoj kaj 8 poloj), magistriĝis 8 (2 rumanoj, 2 albanoj kaj 4 poloj).La gestudentoj defendis siajn diplomverkojn en E-o (deviga lingvo) la plejmulto kun bonega lingvokono, kelkaj eĉ elstara.

Instruis profesoroj Frank, Quednau, Lobin, Mielczarek, Lewanderska, Stepniewski, Bondar, Casquero, ktp. Ĉiuj studentoj ricevis fin-atestojn kaj AIS-dokumentojn. Prof. Helmar Frank transdonis al Augusto Casquero diplomon kiel novan ASci-profesoron de AIS.

Oni fondis la AIS-Filion en Bulgario. kaj la partoprenantoj el Pollando aprobis restarigon de AIS-Filio en tiu lando. Albanaj partoprenantoj decidis fondi AIS-Albanion, kaj tie krei la klerigejon de AIS.

*AQdlC*

# Kurso forpasis



Plaĉas al mi instrui Esperanton. Precipe al tiuj, kiuj neniam eĉ malfermis esperantmetodon. Mi ja envias tiujn ĉi. Ili memorigas al mi tiun momenton, kiam unuafoje mi gapis pro ĝia logika kaj regula strukturo, kiam mi eklernis krei vortojn anstataŭ tede enkapigi ilin. Tiam mi pensis, mi ankoraŭ memoras, ke io tiel studinda, nepre sukcesos. Nu, jaroj pasis, kaj mi plu pensas la samon. Sed mia kapablo miri pri ĝi preskaŭ malaperis; tiom ĉi tiu lingvo hejmiĝis en mi! Eble tial mi serĉas fojon post fojo naivecon tiaman en la okuloj de miaj gelernantoj. Same kiel nun, ĉe kurso tuj finiĝonta.

Ili estas dek kvar (el dek kvin... esperiga sukceso!). Homoj diversaĝaj, devenantaj el kvar landoj. Fortune ĉiuj scipovas la hispanan, ĉar la metodo de Adúriz estas uzata. Longa tablo, meze de sufiĉe granda klasĉambro kie ne mankas taŭga skribtabulo, kunigis nin ĉirkaŭ ĝi laŭlonge tri monatoj. Tiu ejo, ŝajne neniel eksterordinara, posedas specialan signifon: ĝi situas en la firmao pri telekomunikado "Sinaltel", de Juan Abad, kiu malavare havigis ĝin al ni por instrui. Fakte duono el la kurso-ĉeestantoj laboras en tiu entrepreno. Jes, vi eksuspektas korekte!...: Firmaestro pagis la E-kurson celante uzi la internacian lingvon por eksterlandaj negocaferoj! Ĉu ne paradizo por E-instruistoj?

Dum entute 24 horoj klasaj ili estis survestantaj sin per radikoj, afiksoj kaj akuzativoj. Ili ŝmiris sian haŭton per la ĉiopovaj participoj. La tabelvortoj alloge ŝminkis ilian nekaŝeblan aspekton de komencantoj. Sed, ĉu io enŝoviĝos enen aŭ ĉio restos supraĵe? Kiel instruanto povas amigi tion studatan? Kiamaniere enkapigi, pli bone, enkorigi al ili la konvenon plue paŝi por vère ekvidi la lingvan miraklon ? " Iru transen, malantaŭ la nevideblan linion, kiu disigas nuran lingvon kaj pliaĵon. Paŝu pluen kaj Esperanto akompanos vin la tutan vivon!" – mi diras. Ĉu senutila peno konvinki per ideoj pragmatikulon?

Alifoje la samaj ĉefinaj demandoj... Denove nova vana plano aranĝi postkursan amuzan agadon por konstraŭstari ilian forkuremon...

Eble vi konstatas ian senesperan nuancon ĉe mia surpapera voĉo. Ne miskomprenu. Mi ne kapitulacos!

*Juan del Castillo*

# Cent esperantistoj

Jes, oni serĉas cent esperantistojn el ĉiuj landoj de la Unio por starigi la "Komitaton por eksperimentado de la Internacia Lingvo en la Eŭropa Unio".



Dum la dua renkontiĝo, kiun la "Esperanto" Radikala Asocio kaj la Radikala Partio havis kun la itala Ministro pri klerigo, la Ministro devontigis sin peti al la eŭropaj partneroj ekirigi eksperimentadon de la Internacia Lingvo en la venonta jaro. Tiu ĉi atingita rezulto malfermas gravajn scenarojn por tio, kion jam en 1992 ni nomis "batalo por la eŭropa federacia lingvo": ĝi devontigas nin lanĉi ekde tuj la starigon de "Komitato por eksperimentado de la Internacia Lingvo en la Eŭropa Unio"! T.e. esperantista komitato, kiu devos havi anojn en ĉiu el la 25 landoj de la Unio, kiuj devos tuj startigi informadon kaj dialogadon kun la respektivaj reprezentantoj en la Eŭropa Komitato pri Klerigo, kies adresojn ni jam ricevis de la Ministro. La starigo de la "Komitato por eksperimentado de la Internacia Lingvo en la Eŭropa Unio" okazos en Bruselo ĉe la Eŭropa Parlamento la 7an kaj 8an de decembro 2003, okaze de Kunveno pri la ĉefaj eŭropaj urĝaĵoj iniciatita de la grupo de la radikalaj Deputitoj ĉe la Eŭropa Parlamento. Ni devos diskuti pri tio, kiaspecan eksperimentadon ni petu, en kiuj eŭropaj landoj oportunas komenci, kiun aĝozonon ni celu, kiujn celojn ni klopodu atingi kaj en kiom longaj tempoj. Ni devos interkonatiĝi inter tiuj, kiuj —el ĉiuj 25 landoj de la Unio— volos kunordigi sin kaj esti protagonistoj de tio, kio antaŭanonciĝas kiel la plej granda politika oportunaĵo por Esperanto post tiu ĉe la Societo de la Nacioj komence de la pasinta jarcento.

La radikaluloj devontigas sin pagi al ĉiu partoprenonto la retadkostojn ĉe "Hotel Crowne Plaza", 5-stela, (ekskluzivante la ekstraĵojn) kaj la tri manĝojn. Estas antaŭvidata ankaŭ interpretad-servo por Esperanto.

La vojaĝ-kostoj estas je ŝarĝo de ĉiu partoprenanto, escepte de dokumentitaj apartaj kazoj por venantoj el Orienteŭropaj landoj, kiujn la interesuloj devos proponi al ni. Por mendoj kaj informoj vi povas skribi al la e-poŝta adreso: info@internacialingvo.org

Ĝisdatigitajn informojn oni povas trovi ĉe: "www.internacialingvo.org"

*Giorgio Pagano (Sekretario de ERA)*







Sur la ekrano paradis la kovriloj de la tuta verkaro de Fernando de Diego

La ekrano ankaŭ liveris informojn pri la uzado de la granda vortaro

# Kiel ni povis travivi sen vi!

Dum la tuta semajno la gekongresanoj ree kaj ree demandis al Miguel Gutiérrez pri la apero de la vortaro:

—Ĉu ĝi jam alvenis?

Kaj Miguel pacience respondis:

—Ankoraŭ ne. Mi telefonis al la presisto, kaj li asertas ke oni jam sendis la pakojn al Valencio, sed... ili ankoraŭ ne alvenis".

Kaj jam en la sabato, dum Miguel iris al la podio por prezenti la longe atendatan verkon, ankoraŭ oni demandis kaj li nee respondis. Kia maltrankvilo!

La tuta prezentado okazis pere de 3 surekranaj komputilaj prezentoj kaj 2 kurtaj filmoj. Post ne longa enkonduko, tuj kiam Miguel pretis prezenti la figuron de Fernando de Diego, sonis la poŝtelefono de la eldonisto, li petis senkulpigon al la publiko, asertante ke eble temas pri la fina alveno de la libroj, kaj li respondis. Tie ĉio komenciĝis.

El lia telefona interparolo, oni povis konjekti ke la transportagentejo, "La Rápida", erare forsendis la librojn al Kongreso de Espiritistoj en Palencia. Tamen, Valentín, tiel nomiĝis la transportisto, montris sian decidon akurate liveri la pakojn. Kaj mankis malpli ol unu horo por la fino de la prezentado!

Kun forta ritmo de plaĉa muziko, la prezentado antaŭeniris. Alterne sin sekvis bilda priskribo de la esperanta kariero de Fernando de Diego; telefonvoko de Valentín, kiu vojaĝis al Valencio en ĉasaviadilo de la hispana armeo; bilda prezento de la analoj de *Gran Diccionario*, kun skizo de pluraj el la travivitaj peripetioj; plia telefonvoko de Valentín, kiu devis paraŝuti sin kun ĉiuj pakoj sur la meditaranean maron; bilda prezento de kla-




Fernando de Diego estis sendube la heroo de la prezentado



Miguel en daŭra telefona kontakto kun la kuraĝa Valentín

rigoj pri la uzo de la vortaro, kaj, fine, la voko de la kongreseja pordistino anoncanta ke homo, nomata Valentín, deziras liveri grandan kvanton da pakoj. Sonis la bela balado de Merlín "Ho! Mia kor'!, kiam Miguel alportis paketon, el kiu li eltiris du ekzemplerojn de la vortaro. Finfine la Granda Bebo estis inter ni. Kaj 65 ekzempleroj, pli ol 130 kilogramoj da vortoj, malaperis en la avidajn manojn de la ĉeestantaj antaŭmendantoj.

Kiom da ŝato kaj kontento! En ĉiu angulo oni povis vidi avidajn konsultantojn, kiuj traserĉis la 1300 paĝojn de la monumenta verko. Longa, tre longa estis la vojo, sed de tiu momento nenio estos kiel antaŭe.

Dankon, koran dankon al la tuta teamo de kunlaborantoj kaj, kompreneble, al tiu brava homo kiuj regalis la hispanlingvan E-movadon per ĝia plej kara perlo.

Dankon Fernando!

*Svena Dun*




F. de Diego kaj A. Valén en Venezuelo, laŭ la "analoj de la GV".




Jen la ...**respondo!**

**Kontribuu pere de:**

Iber-Caja

**2085-0101-13-0128624762**

La Caixa

**2100-2149-31-0100165085**




# Jukio Hirai

Japana samideano Jukio Hirai loĝis dum pluraj jaroj en Barcelono, kie li studis hispanan lingvon kaj kulturon, kaj kie li havis la eblecon konatiĝi kaj esplori la vivon de Julio Mangada. Pri ambaŭ aferoj, Hispanio kaj Katalunio kaj la figuro de Mangada, li verkis artikolojn en japanaj esperantistaj revuoj. Bedaŭrinde, li forpasis en la jaro 2002, ankoraŭ sufiĉe juna.

Nun, liaj amikoj sukcesis publikigi du librojn kiel omaĝon al li. La unua aperis en junio, en la japana lingvo, kaj nomiĝas "Taglibro de Barcelono". En oktobro ĵus aperis libro en Esperanto, kiu kolektas liajn artikolojn, kaj krome tri rakontojn. Ĝi titoliĝas "Hispana, Kataluna, Mangada ..." kaj estas subskribita per la plumnomo, kiun li uzis por la revuoj, Dil Avia. La eldonado estis prizorgata de lia vidvino Isako kaj la konata historiisto Ulrich Lins. Ĝin publikigis la eldonejo "Riveroj".

*Toño del Barrio*

## Atentu

La HEF-biblioteko serĉas, por kompletigo de sia kolekto de bultenoj, la numeron 220 (1977) de "Boletín". Dankon pro via helpo.

*Ana Manero*

## Premio "Delfí Dalmau"

La 3a ĵurnalisma premio "Delfí Dalmau" por gazeta artikolo estas kunvokita por 2004. La premion oni aljuĝos al la plej bona gazeta artikolo populariga, kiu pritraktos ajnan aspekton en rilato kun la ekologio de la lingvoj, la lingva (mal)egaleco, la Universala Deklaracio de Lingvaj Rajtoj aŭ la ebla aŭ fakta kontribuo de internacia lingvo kiel Esperanto tiukampe.

Oni rajtas prezenti, katalune aŭ Esperante, konkursaĵojn neeldonitajn, en kiuj oni mencios faktojn aŭ studojn diskonigitajn en la kuranta aŭ en la pasinta jaroj.

La monsumo de la premio estos 300 eŭroj. La teksto aperos en diversaj periodaĵoj, ĉu katalunlingve ĉu esperantlingve.

La limdato por la akcepto de originaloj estos la 31a de aŭgusto 2004. Kompletan regularon petu ĉe: Premio Delfí Dalmau; C. Tossalet, 4; ES-25460 Cervia. Lleida

# Eŭropa Kongreso

# Hispana Kongreso

Estis nomumita la Loka Kongresa Komitato, dum Ĝenerala Kunveno, okazinta la 12an de septembro en la sidejo de la E-Grupo de Bilbao. Jen ĝi:

- ✓ Prezidanto: J. Miguel García Iturrioz
- ✓ Sekretario: Eduardo Larrouy López
- ✓ Kasisto: Sabin Orueta Mendia
- ✓ Komitatano pri Propagando en Esperantio: Lourdes Martínez
- ✓ Komitatano pri Amaskomunikiloj: Eduardo Larrouy / J.Miguel García
- ✓ Komitatano pri Ekskursoj: Teodoro Ibáñez Martín
- ✓ Komitatano pri TTT-ejo: Patxi de la Hoz Méndez
- ✓ Komitatano pri kultura programo: Lourdes Martínez
- ✓ Komitatano pri Kongresejo: Augusto Casquero de la Cruz

Ĉiuj informoj kaj novaĵoj pri la EEU-kongreso troviĝas en ĝia TTT-ejo:

www.geocities.com/esperantobilbao/eue.htm

Ret-adreso: esperantobilbao@terra.com

La 30an de oktobro, Jesús M. García kaj Eduardo Larrouy havis rendevuon kun Koldo Narbaiza, Direktoro pri Turismo de la Bizkaia Provinca Gubernio por prezenti la kongreson kaj fari diversajn helpopetojn. Li promesis helpi, prenis petoliston kaj invitis al nova rendevuo post iom da tempo. La 6an de novembro, Eduardo Larrouy kaj Jesús M. García havis rendevuon kun M. Angeles Egaña, Direktorino pri Kulturo de la bilbaoa Magistrato por prezenti la kongreson kaj peti helpon pri diversaj programeroj. Samacele, la 17an de novembro, estis rendevuo kun la Direktoro pri Kulturo de la Bizkaja Provinca Gubernio.




Afiŝo de la Kongreso

La vojaĝagentejo "Viajes El Corte Inglés" estos kiu oficiale okupiĝos pri la rezervo de la hoteloj, do al kiu oni devas sendi rekte la mendojn.

En januaro 2004, ĉiu kongresano ricevos "duan bultenon" kun informoj pri la diversaj loĝ-eblecoj en Bilbao kaj pri la urbo mem.

La 31an de decembro finos aliĝperiodo kun speciala rabato por la kongreso. Profitu la okazon kaj aliĝu tuj.

*J. Miguel Garcia Iturrioz*




## 63a Hispana Esperanto-Kongreso
## kaj 6a Eŭrop-Unia E-Kongreso

Bilbao

25a ĝis 29a de aŭgusto 2004

Facultad de Ciencias Económicas
Avda Lehendakari Agirre

ALIĜILO N-RO......

(BONVOLU SKRIBI TAJPE AŬ PRESLITERE)

Familiaj nomoj ..............................................
Antaŭnomo: ..............................................
Naskiĝdato [(1)] ............................ HEF-numero ..............
Adreso..............................................
.................................... Poŝtkodo ..............
Urbo.................................... Telefono ..............
Retadreso .................................... Faksilo ..............

(2) Nur por statistiko

| Kongreskotizoj | ĝis 03-12-31 | ĝis 04-04-30 | poste |
|---|---|---|---|
| Individua Kongresano (IK) | 50 € | 60 € | 70 € |
| Kunulo / Junulo[(2)] | 35 € | 40 € | 45 % |
| Infano (naskiĝinta post 1990/12/31) | 0 € | 0 € | 0 € |

(2) Kunulo devas loĝi kun IK, kaj Junulo estas tiu naskiĝinta post 1974-12-31.

Donaco .............................................. ____
ENTUTE: .............................................. ____

Kotizu pere de ŝparkaso Bilbao Bizkaia Kutxa (BBK).
konto-numero: 2095-0141-45-2218001832 al la 63a Hispana E-Kongreso.
Kunsendu la pagpruvilon kaj la aliĝilon al la suba adreso.

**Por bankĉekoj kaj poŝtmandatoj aldonu 10%**

LA KOTIZO ESTAS NE REPAGEBLA.

Dato kaj subskribo ..............................................

Konstanta adreso: Grupo Esperantista (H K); Barrencalle Barrena, 7-1 D; 48005 Bilbao; Tel: 944164492; 696613958; esperantobilbao@terra.com

# Jarabonoj kaj kotizoj por 2004

**Boletín** de HEF (eksterlandaj abonantoj, enlandaj vidu sur la 32a paĝo)..... 29 €

RET-INFO (12 monatoj) ........................................ 19 €

✓[P] HEF.

**Universala Esperanto-Asocio**

Individua Membro kun Gvidlibro (MG) .............................. 9 €

Individua Membro kun Jarlibro (MJ) ............................. 22 €

Individua Membro plus abono al E-o (MA) .......................... 54 €

Simpla abono al Esperanto, sen membreco (SA) ...................... 34 €

Simpla abono al Kontakto, sen membreco (Kto) ...................... 20 €

Societo Zamenhof, sen membreco en UEA (SZ) ...................... 108 €

✓Rim: La kategorio (MG) ne rajtigas rabaton en la UK. La kategorioj MJ kaj MA inkluzivas por la junuloj (ĝis 29 j.) membrecon en TEJO kaj ricevon de Kontakto. [P] Pedro A. Garrote; Apartado 119 — Esperanto; 47080 Valladolid; Banco Español de Credito (BANESTO), Konto: 0030 6002 74 0000901271.

**KAE-Informilo** ................................................ 8 €

✓[P] Santiago Tomé; Roca 22, 3-er, 1-a; 08208 Sabadell; Caixa 21000461960200045498.

**La Gazeto** (ses numeroj) ...................................... 27 €

[P] Barcelona E-Centro; Bassegoda 40, 3ª, 1º; 08028 Barcelono.

**Heroldo de Esperanto** ......................................... 32 €

**Literatura Foiro** ............................................. 30 €

**Internaciisto** ................................................ 15 €

**La Ondo de Esperanto** (12 numeroj jare) ........................ 25 €

**La migranto** ................................................... 9 €

✓[P]: Luis Serrano; C/ Font Nova, 32; 08202 Sabadell; Tel. (93) 7275021; Banco Sabadell n-ro: 0081 0900 82 0006712480. (Por bank-ĉeko aldonu 1,5 EUR)

**Kajeroj el la Sudo.** (Trimonata) ................................ 5 €

✓[P]: Jesús de las Heras, Apartado 4461; 30080 Murcia. Banko-konto: La Caixa, 2100 4455 71 0200022454.

**Sennaciulo** ...................... kotizo + abono 32 € . nura abono 34 €

✓[P]: Pedro Hernández Úbeda; c/Candilejas, 26 - 1 Izda; 28018 Madrid; Tel: 912234853. esperanto@mi. madritel.es; Caja Madrid, Konto: 2038 1787 40 6000178775

# Aniĝilo por 2004

(Foto)kopiu kaj poŝtu aŭ faksu al la HEF-oficejo. Bv. skribi klare.

**Personaj datenoj :**

Kompleta nomo : ............................ Annumero: ...........
Adreso : ..................................................................
Poŝtkodo kaj urbo : ...................... Tel. : ......................
Naskiĝdato : ...................... Retadreso: ......................

**Aniĝo :**

- ❑ OM ordinara membro ........................................ 29,00 €
- ❑ kun junulkarto ................................................ 26,10 €
- ❑ PM patrona membro ........................................ 58,00 €
- ❑ KM kolektiva membro ...................................... 58,00 €
- ❑ EM (nur por jamaj EM-anoj 1995e) .......................... 24,00 €

Ĉiu ano ricevas *Boletín*; infanoj ĝis 12 jaroj *Juna Amiko*; junuloj inter 13 kaj 30 jaroj, *Kontakto*. Kaj ĉiuj, ĝenerale, 10% rabaton en la aktivaĵoj organizitaj de Hispana Esperanto-Federacio.

**Pagmaniero :**

- ❑ Bankordone (plenigu la malsupran formularon).
- ❑ Enspezo en konton 0182-1252-31-0204011961 de BBVA (kunsendu spezilon).
- ❑ Ĉeko por "Federación Española de Esperanto" (aldonu 3 EUR).
- ❑ Elspezo en la konton hefb-m de U.E.A. (kunsendu ĝirilkopion).

Subskribo: Dato:

**DOMICILIACIÓN BANCARIA**

Banco o caja:

Dirección:

Código postal y localidad:

C.C.C.: ____/____/__/__________

Entidad Sucursal D.C Cuenta

Muy señores míos:

Les ruego atiendan con cargo a la cuenta arriba indicada los recibos que les sean presentados por la Federación Española de Esperanto en concepto de cuota anual, hasta nueva orden.

Fecha:

Nombre y firma del titular:



Ĉu la Kavaliroj de la Ronda tablo apud Ana Leonkoro?

# La suplemento




Kiel promesite en la antaŭa numero de Boletín, jen informeto pri la reta aperigo de la suplemento al LA DEKA LOGO. Ĉi suplemento enhavas la monologon sprite surscenigitan de Marcos Cruz dum la pasinta Hispana Kongreso en Valencio okaze de la omaĝo al Miguel Gutiérrez Adúriz, Liven Dek. Ni havis la intencon enmeti ankaŭ ĝin en la omaĝ-libron, sed tio ne eblis pro leĝaj kialoj; tamen ni ne rezignis pri ĝia publikigo.

Jam ekde la titolo mem, "FAMo, unuakta teatraĵo unufoja", percepteblas la simpatia amuzforto de ĉi verketo.

Se vi jam elŝutis la unuan libron, ne maltrafu la okazon ĝui ankaŭ la duan; se ne ankoraŭ, nu, jen do la ŝanco. Sufiĉas por akiri ambaŭ simple umadi en la paĝaro de HEF: www.esperanto-es.net

*Ana Manero*



La HEF-Prezidanto transdonis platon

Depósito legal Z-334-90. Presejo: Gráficas Aurora